22a Jaro - No 9 (234) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Septembro 1936

BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Societo sen profita celo. — Belga ŝtatgazeto 27.6.36.

KONTRAŬ LA INTERNA IDEO

# Ne plu ekzistas Germana Esperanto-movado.

Baldaŭ Esperanto ekzistos jam de kvindek jaroj. Baldaŭ ni festos. Ni festos, memorante la malfacilaĵojn de la unua horo : memorante la pratempon de la heroaj pioniroj.

Ni povas imagi al ni la malfacilaĵojn, kiujn ili devis venki en tiu ŝajne jam antikva periodo, kiam, en Rusujo, oni ankoraŭ bezonis iun « imprimatur » eĉ por la eldono de la plej simpla broŝureto pri lingvostudo.

Kaj malgraŭ nia imago, malgraŭ nia scio pri la historio de Esperanto estis io, kion ni ne plu povis imagi al ni.

Tiu io okazis : **Esperanto estas malpermesata.** En iu lando de Eŭropo, jam de nun, ne plu ekzistas Esperanto-movado ; ne plu estas delegitoj de U. E. A. ; ne plu estas, nek membroj de landa asocio, nek de loka grupo.

Estas niaj Germanaj samideanoj, kiuj travivis tiun malfeliĉan okazintaĵon, ke ili devis tuj forlasi ĉiujn Esperantajn societojn, en kiuj ili entuziasme laboris jam de multaj jaroj.

Ni ne plimalfaciligos al ili la taskon. Ni legis la cirkulerojn, per kiuj la gvidantoj ordonis la likvidon de la diversaj organismoj kaj ni vidis kiajn zorgojn ili devis preni, por ke, per la konservo de la arhivoj, ili, ĉiumomente, povu pruvi al la Ŝtata Polico, ke, se vere inter ni Esperantistoj estas io ne naciema « la interna ideo », tio tute ne havas rilaton kun ia komunisma aŭ anarkia ideo.

Ĉar la decido, per kiu, de la 15-a de Julio neniu Germano plu povas esti membro de societo, kiu sin okupas pri artefarita lingvo, estas fakte decido ne kontraŭ nia lingvo, kiel instrumento. Ni ne jam aŭdis, pri la forigo, en Germanujo, de la telefono, de la telegrafo, de la poŝto, k. c.

La atako kontraŭ Esperanto, kiel nura teknika rimedo por interkomprenigi unu la alian, povus do ŝajni stulta.

Sed tion ĝi ne estas, ĉar, por ni, Esperantistoj, Esperanto estas fakte pli ol rimedo ; ĝi signifas pli ol nura ilo, per kiu ni komprenigas nin.

Dank'al la interna ideo, kiun ni ĉiuj tamen sentas en ni, ĉu ni tion volas aŭ ne, Esperanto alportis al la diverslandaj praktikantoj ion plian : tiun nepriskribeblan senton, kiu igas vin fari pli multe por tiu, kiu ankaŭ ĝin konas, ol por alia nekonata de vi ; tiun emon plezurigi kaj fari servon al ĉiuj, kiuj sin rekomendas al vi per la verda stelo kaj kiuj komprenigas siajn dezirojn per Esperanto.

Se estas tiu sento, kiun la gvidantoj en Germanujo konsideras kiel ne-inda por Germano, ili pravas !

Ni nur povas bedaŭri. Ni kun pli da respekto eĉ ol antaŭe parolos pri tiu interna ideo. Ni pli multe eĉ ol antaŭe klopodos, ke nia lingvo ne iĝu nur ilo, sed levigilo, la levigilo, kiu kondukos la amasojn al la interkompreniĝo kaj interfratiĝo.

Ni havas, je tiu ĉi momento, gravan senton de bedaŭro pro la foriro el nia movado de multaj amikaj vizaĝoj. Ni esperas ilin baldaŭ retrovi.

Kaj por ke tio baldaŭ okazu, ni eĉ ne volas esperi, ke la reĝimo en Germanujo ŝanĝiĝu, — pri tiu ĉi afero la Germanoj tutsolaj devas decidi, — sed ni volas esperi, ke baldaŭ, inter la gvidantoj, tamen estos almenaŭ unu, kiu komprenos, ke la toleremo por la aliaj, la interkompreniĝo kun fremduloj, tute ne malpligrandigas la fierecon, kiun oni havas pri sia propra deveno kaj la amon al sia propra patrujo : — tiu patrujo estu tuta lando, vilaĝeto, dometo aŭ nur ĉambreto.

Por ni, Belgoj, tiu okazintaĵo ĉe nia orienta landlimo devas esti incitilo al ĉiam pli fervora kunlaboro inter ĉiuj Esperantistoj al kiu ajn lingva, religia aŭ politika tendenco ili apartenas.

Nur montrante, ke, en ĉiuj medioj Esperanto disvolviĝas, ni povos certigi la regnestrojn pri la absoluta neŭtraleco de nia lingvo kaj eviti miskomprenojn.

Maur. JAUMOTTE.

# NIAJ KONGRESOJ

## La XXVIIIa Universala Kongreso de Esperanto.

### Vieno 8-15-8-36.

Ĝi vere havis grandan sukceson. Se en la nunaj malfacilaj cirkonstancoj, ekonomiaj kaj politikaj, pli ol mil kongresanoj kuniĝis en la ĉefurbo de Aŭstrujo, ilin allogis certe la multaspektaj belaĵoj de la lando, lerte konigitaj en la tuta mondo pere de belaj reklamiloj, uzante grandskale nian lingvon, sed certe ankaŭ allogis ilin la bela programo preparita de aro da sindonaj samideanoj, gvidataj de la bone konata kortega Konsilanto Steiner. Ni tuj ilin danku pro ilia klopodado, kaj ilin gratulu pro ilia sukceso.

Pli ol 200 kongresanoj komencis kongresi jam en Salzburg, kie akceptis ilin la lokaj samideanoj. Post vizito de la urbo kaj de ĝia ĉirkaŭaĵo, la ekskursantoj foriris al Vieno, trapasante la pentrindan Salzkammergut, kun ĝiaj belaj montoj kaj lagoj, kies famon disvastigis en la tuta mondo la opereto « La Blanka Ĉevalet' », ludita en multaj lingvoj. La vojaĝo daŭriĝis tra Linz, Melk kaj aliaj urboj aŭ urbetoj, kaj finiĝis en Vieno sabaton posttagmeze.

Sabaton vespere, okazis la inaŭgura solena kunsido, en la Festsalonego de la Imperiestra Kastelo (Neue Hofburg). La salonego estis vere belega, kaj prezentis eksterordinaran kadron. Nekutima okazaĵo : la kunsidon malfermis Lia Ekscelenca Moŝto, Vic-Kanceliero Baar-Baarenfels. Ankaŭ ĉeestis la kunsidon Lia Ekscelenca Moŝto Stockinger, ministro por komerco kaj trafiko. Post paroladoj de S-ro Steiner, Prezidanto de la Kongreso, de S-ro Bastien, Prezidanto de U. E. A. okazis la ĉiujara serio de alparoloj de reprezentantoj de diversaj registaroj kaj nacioj. Je la deka, la kunsido finiĝis per muziko ludata de la muzikistaro de la policanoj, kiu cetere komencis la kunsidon per ludado de la aŭstra nacia himno kaj de « La Espero ».

Ni tiam povis admiri la urbdomon ekstere lumigitan speciale honore al la kongreso. Poste sekvis interkonatiĝa vespero.

Dimanĉe, la 9-an de Aŭgusto, okazis tuta serio da diservoj, israelida protestanta kaj katolika. Tiu ĉi denove havis ion tute nekutiman pro la fakto ke Lia Kardinala Moŝto D-ro Innitzer, ĉefepiskopo de Wien, speciale estis reveninta el sia libertempejo por diri la meson. Li solene eniris la preĝejon, kaj samsolene ĝin forlasis poste, dum ludis la muzikistaro de la policanoj, kiu dum la meso ludis la germanan meson de Schubert. La kongresanoj poste ariĝis en sekvantaro, kiu sekvis la saman muzikistaron tra la belaj stratoj de la urbo por iri al la monumento al la Herooj, kie solene estis demetata florkrono, dum la muzikistaro kortuŝe ludis « Mi havis kamaradon... »

Vespere estis prezentita, en Esperantlingva traduko, la Opereto « La blanka Ĉevalet' ». Laŭ mia opinio, el ĉiuj prezentadoj kiujn mi vidis dum Universalaj Kongresoj, tiu ĉi plej multe devis plaĉi al la Kongresanoj, ĉar ĝia temo estis facile komprenebla ; ĝi ankaŭ prezentis al la okulo tiom kiom al la orelo : bela muziko, belaj baletoj, k. t. p.

Lunde, okazis la solena malfermo de la somera universitato, prezidata de P-ro Bujwid.

Mardon, la 11-an, laborkunsido. La prezidanto de U. E. A, S-ro Bastien, klarigis la ŝanĝojn okazintajn en la organizo, kaj necesajn pro la financa stato de la Asocio. Sekvis tuta aro da parolantoj, kiuj kelkfoje pasie defendis la antaŭan organizon, kaj speciale kritikis translokigon el Ĝenevo, same ankaŭ fordonon de la U. E. A. — Biblioteko al iu nacia organizaĵo. Ankaŭ okazis diskuto pri la voĉdonado de la delegitoj, kiun kelkaj opinias nevalora, ĉar ĝi ne tute okazis laŭ la formo priskribita de la statuto. Fakte temas nur pri formala decido de la komitato pri la voĉdonado. Ĉar la Komitato jam decidis la translokigon al Londono, la Prezidanto, dezirante ŝpari tempon, ne kredis necese demandi denove ĉu la komitato konsentas pri voĉdonado pri la sama temo. La voĉdonado okazis, kaj la rezulto estis ke 80 % de la voĉdonintoj respondis favore al la translokigo, la 20 % aliaj voĉdonis kontraŭ. Nun kelkaj svisaj membroj uzis la okazon, komenci proceson antaŭ svisa tribunalo, kaj tiu ĉi malpermesis provizore, ke kio ajn apartenanta al la Asocio iru eksterlanden. Tiamaniere do la tuta laboro estas haltigata kaj se ne baldaŭ okazos interkonsento, la tuta U. E. A. estos en granda danĝero.

Mardon ankaŭ la kongresanaro estis akceptita en la bela urbodono.

Merkredon, serio da fakkunsidoj, kaj diversaj ekskursoj. Vespere, parolis antaŭ la mikrofono de « Ravag » la aŭstra radio-stacio, 30 personoj el 28 landoj.

La tuta tago de ĵaŭdo estis dediĉata al diversaj grandaj ekskursoj en la ĉirkaŭaĵo de la urbo.

Vendredon, denove, ĝenerala kunsido, dum kiu oni finis la diskuton pri organizaj demandoj, kaj komenciĝis priparolado de alia temo, prezentita de S-ro E. Malmgren pri diversaj metodoj de propagando. Pri tiu temo, tre vasta, ni espereble raportos pli detale je alia okazo. Poste denove diversaj fakkunsidoj kaj ekskursoj. Vespere okazis la internacia balo, denove en la bela kaj luksa salonego de la Imperiestra Kastelo. En tiu grandega salonego povis libere danci la kongresanaro, je sonoj de du muzikistaroj kiuj seninterrompe ludis laŭvice. La balon plibeligis tuta aro da esperantistinoj en naciaj kostumoj, kiuj atestis pri la vera internacia karaktero de la balo.

Sabaton, 15-an de Aŭgusto ! Jam la fino... Oni fermas la kongreson per legado de diversaj rezolucioj, kaj invito al la venonta kongreso en Varsovio....

Kaj poste la rondvojaĝo tra Aŭstrujo estas daŭrigata. Ĝi kondukas la partoprenantojn tra la montar-ŝoseoj de Semmering, de Pack, kaj de Grossglockner, kaj finiĝas en Zell am See, kie adiaŭas la esperantistoj unu la alian, bedaŭrante ke tiu bela vojaĝo jam finiĝis... Kaj ĉiuj disiras. Mi nun skribas tiun raporton en malgranda tirola vilaĝo. Antaŭ mi kuŝas altaj montoj, kies pintoj desegniĝas sur la blua ĉielo, dum nuboj envolvas ilin, je duona alteco, kiel zono.

Same, nia movado elstaras fiere por la bono de la homaro, dum flanke de ĝi kelkaj disputas pri organizo aŭ bruas por personaj kaŭzoj...

P. KEMPENEERS.
Delegito de la Ministro
por Publika Instruado

## XXVI-a Belga Esperanto-Kongreso

### Antverpeno, 15-16-17 Majo 1937

### Listo de Kongresanoj.

| | | |
|---|---|---|
| 99. | S-ro Morris de Ketelaere | Antverpeno |
| 100. | S-ino Maria De Ketelaere | Antverpeno |
| 101. | S-ino Marie Boedt-Thooris | Bruĝo |
| 102. | F-ino Alice Boereboom | Bruĝo |
| 103. | S-ro Paul Hanquet | Jodoigne |
| 104. | S-ro Paul Benoit | Oostduinkerke |

Krome, ni jam ricevis la aliĝilojn de S-ro Fr. J. Haselier (Kerkrade) ; D-ro Desmoulin (Douai) ; S-ro Hubert Karcher (Douai) ; S-ro kaj S-ino Em. Boone (Mouscron) ; S-ro J. Centnersvers (Valenciennes) ; kaj G-roj Mortelmans (Antverpeno) sed, ĉar ni ne jam ricevis la monon sur P. Ĉ. K. 1119.10, ni citos ilin en nia listo de la proksima monato.

Enute jam aliĝis **112**.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Kunveno de la Komitato

Je demando de la Prezidanto, tuj forsendita el Vieno post la Kongreso, la Komitato de Belga Ligo kunvenos, la 6-an de Septembro, la saman tagon, do kiam okazos la ceremonio sur la tombo de S-ro Petiau.

Tial, tiu kunsido, escepte, ne okazos en Bruselo, sed en Gento, je la 10-a 1/2 horo en salono « Hôtel Universel » (Staci-strato, 20, apud la estinta stacio de Gento (Sudo). De Gento (St. P) la tramlinio 7. Tagmanĝoj je 11 kaj 16 frankoj.

La tagordon, ni eble ankoraŭ komunikos per cirkulero.

## SUR LA TOMBO DE HENRI PETIAU

Kiel dirite, okazos Dimanĉon, la 6-an de Septembro, intima ceremonio sur la tombo de Henri Petiau, la tiel vigla gvidanto, kiu, dum preskaŭ tuta kvaronjarcento, estis la ĝenerala sekretario de Belga Ligo Esperantista.

La ceremonio okazos posttagmeze, kaj la membroj de la Komitato kunvenos kun la aliaj membroj de la Ligo kaj de la grupoj, kiuj deziras kuniri, je la 14 1/2 h. Foriro je la 15-a precize por alveni en la enterigejon de Gentbrugge proks. je la 15 h. 1/2 per la tramlinio 3, ĝis la Ponto de Gentbrugge.

La Gentaj amikoj estas pretaj, antaŭtagmeze, gvidi tra la urbo la samideanojn, kiuj tion deziras. La grupoj informu S-ron Vande Velde, 230, Peter Benoitlaan-Meirelbeke, pri la alvenhoro.

# KIAL

## Belga Ligo Esperantista fariĝis ASOCIO SEN PROFITA CELO.

*De jarcentoj ekzistas en Belgujo arego da societoj, ĉu por amuzo, ĉu kun scienca, arta, eduka, instrua, religia, k. c. celo. Tiuj societoj estis kreitaj nur por realigi sian amuzan, sciencan, k. c. celon sed tute ne, — kiel la komercaj societoj — por gajni monon.*

*Tamen ili posedas iajn objektojn (standardon, ilaron, artajojn, librojn, arĥivojn, « trezoron », eĉ kunvenan domon aŭ monajn riĉajojn, k. c.). Sed ili NE HAVIS MEMSTARAN, LEĜAN EKZISTON, povis esti senigitaj je siaj havajoj kaj estis nekapablaj konservi, nek akiri sendanĝere proprajn havajojn, ili ne povis fari agojn de la civila vivo, ekz. ne ricevi donacojn, ne procesi, k.c. Ilia situacio kontraŭ la « fisko » ankaŭ estis danĝera.*

*La rimedo por ĉesigi tiun neregulan kaj danĝeran situacion estis permesi al tiuj societoj akiri memstaran, leĝan ekziston, tiamaniere ke, akceptante kaj realigante la formalajojn de la leĝo belga de la 27-a de junio 1921 pri la « Asocioj sen profita celo », ili fariĝu firmaj, nekontesteblaj proprajuloj de siaj havajoj, povu kontrakti, ricevi donacojn, procesi memage, unuvorte fari valore ĉiujn agojn de la civila vivo, ĉar ili estos realigintaj la neceson por akiri tion, kion oni nomas la « Civila personeco ».*

*Belga Ligo Esperantista estis fakte unu el tiuj multenombraj « societoj sen profita celo », sed ankaŭ sen leĝa ekzisto; ĝi ja nur celas propagandi Esperanton. Submetiĝinte al la leĝaj formalajoj kaj aperiginte en la belga ŝtatgazeto « Moniteur » de la 27-a de junio 1936 la kompletan tekston de la ĉi suba statuto, ĝi fariĝis* **laŭleĝa** *« Asocio sen profita Celo » kun ĉiuj avantaĝoj ligitaj al tiu regula situacio.*

L. C.

## STATUTO.

Por permesi al la Belga Ligo Esperantista, nacia sekcio de la Universala Esperanto-movado, starigita en 1905 kaj staranta sub la Honora Prezidanteco de Lia Reĝa Moŝto Leopoldo III, kiu per decido de la 7-a de Junio 1935, donis al ĝi la rajton porti la titolon « Reĝa », ĝui la avantaĝojn, antaŭviditajn de la Leĝo de la 27-a de Junio 1921, pri la Societoj sen Profita Celo, la ĝenerala kunsido de la 31-a de Majo 1936, kunveninta dum la nacia Kongreso en La Louvière, decidis aliformigi ĝin en Societo sen Profita Celo, sub la titolo « *Reĝa Belga Ligo Esperantista*, S. s. p. C. ».

La nova Societo havos sian laŭstatutan sidejon en la Esperanto-domo, 21, Willemsstrato, Antverpeno, sed tiu sidejo povos esti alilokigita kien ajn en Belgujo, per simpla decido de la Administrantaro.

Krom tio, kio estas fiksita per la Leĝo suprenomita, la nova Societo estos administrata laŭ suba statuto :

Art. 1. — La celo de la Societo estas propagandi ekster ĉiu politika aŭ religia demando, la helpan lingvon internacian « Esperanto » kaj pligrandigi la interrilatojn de Belgujo kun la aliaj landoj.

Ĝi reprezentas la Esperanto-movadon en Belgujo.

Por tion efektivigi, ĝi povos organizi kursojn, eldonajojn, vojaĝojn, k. t. p. kaj krei tiucele ĉiujn necesajn organizajojn.

Art. 2. — La minimuma nombro de la membroj estas tri. Almenaŭ du trionoj de la membroj devas esti Belgoj, laŭ nacieco.

La maksimuma kotizo estas 500 frankoj, sed la ĝenerala kunveno havas la rajton, ŝanĝi la sumon de la kotizoj, per simpla plimulto.

Art. 3. — Akcepto de novaj membroj okazas laŭ la ĉi subaj reguloj :

1° Ili devas esti prezentataj de du membroj ;

2° Ili devas esti akceptataj de la Estraro, kiu decidas laŭ simpla plimulto de la ĉeestantaj membroj.

Kaŭzoj de rifuzo ne devas esti sciigataj.

Sinprezentado kiel membro estas honorpromeso, konformiĝi al la statuto.

Ĉiu membro rajtas eliĝi, sendante sian eliĝon al la estraro. Tiu, kiu ne pagas ŝuldatan kotizon, estas konsiderata kiel eliĝinta.

Art. 4. — La membro, kiu ne agis konforme al la statutoj aŭ kiu pekis kontraŭ la honoro, povos esti eksigata.

Art. 5. — Krom la asociiĝintaj membroj, kies listo estas deponita je la enskribejo de la Civila Tribunalo, laŭ artikolo 10 de la leĝo de 27-6-21, la Asocio rajtas akcepti membrojn honorajn, protektantajn aŭ korespondantajn. Tiuj ne asociiĝintaj membroj rajtas ĉeesti la ĉiujaran kunsidon, sed ne havas voĉdonrajton aŭ kiun alian rajton ajn.

Art. 6. — La ordinara ĝenerala jarkunveno okazos ĉiujare dum la monato de Aprilo.

Eksterordinara ĝenerala kunveno okazas, se la administrantaro tion decidas aŭ se kvinono de la membroj tion postulas.

Art. 7. — La kunvokoj al la ĝeneralaj kunvenoj okazas per la gazeto « Belga Esperantisto » aŭ per cirkulero, kiu

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

Sabaton, la 5-an : Parolata ĵurnalo.

Sabaton, la 12-an : Mitulvespero.

Sabaton, la 19-an : Parolado de S-ro Van Dijck pri : Ekzorcismo.

Sabaton, la 26-an : Teatra vespero.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59; KUNVENEJO : Kafejo «Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

Kunvenoj dum Septembro, ĉiuj en la kunvenejo :

La 1-an : a) Legado kaj klarigado de B. E. (S-ro Ch. Poupeye).

b) Raportado pri la Viena Kongreso (S-ro R. Groverman).

La 6-an (Dimanĉon) : Vizito al la tombejo de Gentbrugge. Ceremonio Henri Petiau. Detaloj komunikotaj.

La 8-an : raportado pri la Viena Kongreso (daŭrigo) S-ro R. Groverman.

La 15-an : Kantvespero, gvidado F-ino A. Boereboom ; fortepiano : S-ino Poupeye ; violono : S-ro A. Hasenbroekx.

22-an : a) Aranĝoj por la vintra kurso. (Prez. F-ino Y. Thooris.)

b) Konkursoj kun premioj. (Gvidado S-ro G. Groothaert kaj F-ino M. Vanden Berghe.)

29-an : Parolado de S-ro Leŭtenanto Marlé : « La Barokostilo en Nederlando ». (Prez. S-ro G. E. Guillaume.)

N. B. La grupa BIBLIOTEKO estas malfermita ĉiumarde, de la 19, 30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, k. t. p.

BRUSELO. — **«Esperantista Brusela Grupo».** — Kunvenejo : «Brasserie du Sac», Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Lundon, la 7-an de Septembro : F-ino Kestens parolos pri Grekujo.

La 14-an : S-ro Castel, parolos pri literaturo.

La 21-an : S-ro Swinne, parolos pri la anstataŭigo de la

---

povas esti sendata kiel simpla presajo.

Membro, kiu anstataŭigas sin de alia membro, devas tion sciigi per de li subskribita letero, alveninta en la sidejo, du tagojn antaŭ la kunsido.

La decidoj de la ĝenerala kunsido estas skribataj en speciala kajero, kiun ĉiu membro povos tralegi, post peto al la administrantaro, sed sen forpreno aŭ forsendo el la sekretariejo.

ART. 8. — La Societo estos estrata de Administrantaro.

La ĝenerala kunsido nomas kaj eventuale eksigas la administrantojn per plimulto de du trionoj de la ĉeestantaj kaj reprezentitaj membroj.

La nombro de la administrantoj estas minimume 3 kaj maksimume 30. Ili estas elektataj ĝis la sekvanta ĝenerala jarkunsido.

La administrantaro estas nomata laŭ proponlisto starigita, konforme al la Regularo de Interna Aranĝo.

Okaze de morto, eksigo aŭ eksiĝo de administranto, la administrantaro rajtas elekti anstataŭanton ĝis la venonta ĝenerala jarkunsido. Ĝi por sama daŭro, povas elekti administranton proponitan de novaliĝinta grupo.

La nomoj de la proponitaj membroj devas esti sendataj de la grupestraranoj al la Prezidanto, almenaŭ 20 tagojn antaŭ la ĝenerala jarkunsido.

Okaze de ne-ensendo, la proponoj de la antaŭa jaro valoras.

Almenaŭ du trionoj de la administrantoj devas esti Belgoj per naskiĝo aŭ plena regnaniĝo. Ĉiuj devas esti membroj de la Asocio de almenaŭ unu jaro.

ART. 9. — La administrantaro elektos ĉiujare sian estraron, kiu enhavos maksimume dek membrojn.

ART. 10. — La estraro posedas la plej etenditajn rajtojn por la plenumo de sia tasko. Ĉiuj povoj, kiuj ne estas speciale rezervitaj de la leĝo al la ĝenerala kunveno kaj per la statuto al la administrantaro apartenas al la estraro.

La administrantaro kunmetos regularon de interna aranĝo en kiu la punktoj antaŭviditaj, nek de la leĝo, nek de la statuto trovos sian solvon.

ART. 11. — Ĉiuj dokumentoj, kiuj finance aŭ morale ligas la Societon devas esti subskribitaj de du administrantoj.

ART. 12. — La administrantaro balancigas la kalkulojn je la 31-a de Decembro de ĉiu jaro kaj proponas ilin al la aprobo de la ĝenerala jarkunsido. Je la sama okazo, ĝi prezentas la antaŭvidojn de en- kaj elspezojn por la nova societa jaro.

ART. 13. — La kontrolo de la libroj estos farata de du ĝis kvin komisaroj, elektataj de la ĝenerala kunveno, por daŭro de unu jaro. Tiuj komisaroj proponos la aprobon de la ciferoj aŭ faros siajn rimarkojn dum la ĝenerala jarkunsido de la membroj.

ART. 14. — Ŝanĝoj al la statuto okazos laŭ art. 8 de la leĝo de 27-6-21.

ART. 15. — Okaze de likvido, pri kiu decidas la ĝenerala kunveno de la membroj, kunvokita por tiu ĉi speciala celo per rekomendita letero, sendita al ĉiuj membroj individue, la havajo estos transdonata, duone, al « Belga Esperanto-Instituto ; Koopera Societo » kaj duone al « Universala Esperanto-Asocio » aŭ entute al unu el ambaŭ, se, je la momento de la likvido. unu el tiuj du organismoj estus malaperinta.

Se ambaŭ estus malaperintaj, la havajo iros al belga bonfara organismo kun internacia karaktero aŭ al alia Esperanta organizajo, laŭ decido de la ĝenerala kunsido.

ART. 16. — La nuna ĝenerala kunsido donas la rajton al la nuna estraro konsistanta el S-ro Paul Kempeneers, kuracisto, 19, Avenuo Montjoie, Uccle, prezidanto ; F-ino Yvonne Thooris, senprofesia, 4, Wijnzakstraat, Bruĝo, S-ro Leon Cogen, pacjuĝisto, Dreef, Ninove, ambaŭ vicprezidantoj kaj S-ro Maurice Jaumotte, jurnalisto, 44, Avenuo De Bruyn, Wilrijck, sekretario-kasisto, fari ĉiujn paŝojn por la transformo de la Societo kaj donas al la Prezidanto kaj al la Sekretario-Kasisto la rajton subskribi tiucele ĉiujn dokumentojn necesajn. Ĉiuj cititaj personoj estas Belgoj.

La nuna estraro havos la rajtojn de la administrantaro ĝis la sekvanta ĝenerala kunveno de la membroj.

Tuj post efektivigo de la hodiaŭa decido pri aliformigo, la membroj de la antaŭa Societo, kiuj pagis la kotizon por 1936, estos enskribataj en la librojn de la nova Societo.

Tiel farita en La Louvière, la 31-an de Majo 1936, por obei la decidon de la ĝenerala kunsido de la membroj.

La ĝenerala Sekretario-Kasisto — MAUR. JAUMOTTE

La Prezidanto — PAUL KEMPENEERS

nunaj impoŝtoj per impoŝto sur la ne-rondiranta mono.

La 28-an : D-ro Maes, parolos pri militgasoj.

LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.**

Programo por Septembro :

En Lieĝo, Hotel du Phare, perfektigaj kunsidoj, jaŭdon 10-an Septembro je 20-a horo.

En Sclessin, Café Dechesne, perfektigaj kunsidoj jaŭdojn 3-an kaj 17-an Septembro je 19 h. 30.

Dimanĉon 6-an de Septembro : ekskurso al Ougrée, Beau-Site, Boncelles, Sart Tilman. Rendevuo je la Stacidomo de Ougrée, je la 14-a horo.

LA LOUVIÈRE. — « **Verda Stelo** », Esperantista grupo de la Centra Regiono.

La 4-an de Septembro : S-ro Bonge « La mortintbruligo » « L'incinération ».

La 18-an de Septembro : S-ro Parfondry « Ĉu esperanto estas amuziga ».

## Grupaj raportoj :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Dum la lastaj semajnoj okazis nur intimaj kunsidoj, sen difinita programo, kaj dum kiuj diversaj eksterlandaj vizitantoj ĉeestis.

BRUĜO. — « **Bruĝa Grupo Esperantista** », **Reĝa Societo**. — La 21-an de Julio, je la 10-1/2-a multaj samideanoj partoprenis kun la grupa flago en la sekvantaro, honore de nia karmemora reĝino Astrid ĝis la Astrid-parko, kie estis inaŭguraciita nova monumento, busto de la mortinta reĝino.

Vespere, 36 grupanoj kartludis ĉe Samideano Jéhansart, en la kunvenejo, per esperantaj kartludoj ; premioj estis disdonataj al la gajnintoj.

Dimanĉon 26-an, 64 gemembroj, kun multaj Esp. flagetoj, ekskursis al Blankenberghe, kie ili agrable pasigis la antaŭtagmezon ĉe la marbordo, banante kaj ludante, ili ĝuis bonegan tagmanĝon ĉe Samideanino Marinus, « Hotelo Pasteur », kaj kafotrinkis ĉe alia samgrupano, S-ro Staelens. La resto de la tago kondukis ilin denove al la marbordo, kaj post longaj ludoj, multnombraj fotografadoj kaj plenaera plezuro, tro baldaŭa vespero rekondukis ĉiujn al Bruĝo post agrablega tago.

La 28-an, 44 grupanoj havis la plezuron aŭdi S-ron G. Groothaert, grupan sekretarion, kiu plej kompetente parolis pri militgasoj. Li priskribis la diversajn specojn de gasoj ĝis nun uzitaj kun iliaj teruraj efikoj kaj sciigis la manieron sin protekti kontraŭ ili. Per klara skizo li elmontris la konstruon de gasmasko kaj ĝian funkciadon. Fine li montris tri specojn de gasmaskoj kaj instruis kiel rapide surmeti ilin. La prezidantino F-ino Thooris, varme dankis la parolinton kaj ĉiuj ĉeestantoj vigle lin aplaŭdis.

La kunveno de la 4-a de Aŭgusto estis dediĉata sub gvidado de S-ro Poupeye, unue, al legado kaj klarigado de B. E., kaj, due, al rememorigo de la mondmilito, okaze de ĝia 22-a datreveno. Kelkaj anekdotoj el tiu malbeninda tempo estis rakontataj de diversaj gemembroj.

Dimanĉon, la 9-an matene, nova partopreno de grupa delegacio kun la flago en oficiala sekvantaro ĝis la Muro de la Mortpafitoj.

La 11-an, S-ro Poupeye dejoris kiel prezidanto, anstataŭ F-ino Thooris, en libertempa vojaĝo. Kantvespero okazis sub gvidado de F-ino A. Boereboom, kun akompanado fortepiana de S-ino Poupeye kaj violona de S-ro A. Hasenbroekx. Kelkaj sciigoj pri la Viena internacia kongreso estis komunikataj.

BRUSELO. — « **Esperantista Brusela Grupo** ». — Ĉiuj vesperoj estis tre agrablaj : multnombraj eksterlandaj samideanoj el Internacia Ligo de Amikeco vizitis la Sakon.

Dum la prelego pri la internacia mona problemo, oni multe diskutis pri la nova teorio de Michelet, kaj pri libro jus aperinta : « Valoristio ».

LA LOUVIÈRE. — « **Verda Stelo** ». — Je la iniciato de S-ro Tassin, prezidanto, ĉiuduonmonate, okazas esperanta parolado. La unua el tiuj ĉi okazis la 26-an de Julio. Estis S-ro Tassin mem kiu malfermis la serion kaj elektis la temon « Esperanto kaj Radio ». Li klarigis la esperantajn disaŭdigojn diskonigante la multajn radiostaciojn kiuj dissendas Esperante.

Ne nur en Eŭropo, sed en ĉiuj partoj de la mondo, per oficialaj aŭ privataj ondoj, ĉiutage kaj plurfoje po tago la esperantista voĉo flugas tra la etero, ĉu por kursoj, ĉu por teatraĵoj aŭ paroladoj. Bulteno « S. O. S. » resumas ĉiujn dissendojn. Tie ĉi S-ro Tassin legis la programon pri la tiusemajna disaŭdigo kaj bedaŭras ke en Belgujo nur du privataj radiostacioj estas favoraj al la esperanta movado kaj ke aliflanke I. N. R. nacia stacio, pro respekto de sia regularo, ne permesas fremdlingvajn disaŭdigojn......

S-ro Tassin konkludas, ke estas la esperantistoj mem kiuj devas batali por starigi en nia lando la internacian lingvon ; ili devas interkonatiĝi kun la fremdaj samideanoj kaj gratuli, eĉ kritiki, la esperantajn dissendojn, aŭdeblajn por kuraĝigi ilin.

La aplaŭdoj de la tuta aŭdantaro pruvis la intereson kiun vekas la bela parolado de nia sindonema prezidanto. Konklude de tiuj informoj, je la iniciato de S-ro Tassin, subtenita de S-ro Parfondry oni decidis membriĝi al S. O. S , por ke oni povu konigi la radiajn informojn 1e al la gazetaro 2e al la membroj kaj lernantoj.

Je la iniciato de S-roj Bonge kaj Daems estas sendota medicina revuo al ĉiuj kuracistoj kaj apotekistoj de la « Centro » S-ro Jacques, petadata de ĉiuj akceptis paroladi la 7-an de Aŭgusto pri la interesa temo « D-ro Zamenhof », lia vivo, lia verko. Post tiu parolado oni disdonos al la premiitoj la atestojn pri lernado. Ankaŭ S-ro Dauchot promesis paroladi pri la temo « La vegetala vivo », la 21-an de Aŭgusto. Fine S-ro Tassin anoncis, ke jam naŭ membroj aliĝis al la kongreso de Antverpeno.

La 7-an de Aŭgusto do okazis la parolado de S-ro Jacques. Tiu parolado tre plaĉis al la tuta aŭdantaro. Ĉiuj sekvis atente la diversajn fazojn de la vivo kaj verko de nia karmemora majstro kaj estas meze de multaj aplaŭdoj ke S-ro Jacques finis sian belan skizon.

S-ro Tassin fervore gratulis S-ron Parfondry, kurs gvidanton kaj F-inon Thies, okaze de ilia edziĝo kiu okazis la 1-an de Aŭgusto kaj prezentis al ili la plej feliĉajn bondezirojn.

Gesamideanoj skribu, al Radio Wallonia Bonne Esperance por subteni nian esperantan kronikon.

## Familia Kroniko.

### GRATULOJ.

La 3-an de Aŭgusto geedziĝis : S-ro Jef Decoster, filo de S-ro Karel Decoster, V. Del. de U. E. A. Bruĝo, kaj F-ino Cécile Verhelst, el Varsenare, gemembroj de la Bruĝa Grupo.

La 4-an de Aŭgusto geedziĝis : F-ino Maria Sanders, Del. U. E. A. Gistel, membrino de la Bruĝa Grupo, kaj S-ro Jan de Vrieze, samideano el Drachten (Nederlando).

Al ambaŭ novaj esperantistaj paroj niaj plej koraj bondeziroj. La Verda Stelo ĉiam lumigu ilian feliĉon.

— Gratuloj ankaŭ al alia membrino de la Bruĝa Grupo : F-ino Suzanne Weissenborn, kiu edziniĝis la 28-7-36 al S-ro Julien Debaene.

— Denove gratuloj al F-ino Juliette Boedt, ankaŭ membrino de la Bruĝa Grupo, kiu daŭrigis la serion de siaj brilaj sportaj venkoj, alveninte la unua en la naĝkonkursoj : Damme-Bruĝo 19-7, Meĥleno 26-7 kaj Heyst 2-8-36.

### NEKROLOGO

Sinceraj kondolencoj al S-ro Gustave Dotselaere, fidela malnova membro de la Bruĝa Grupo, pro la morto de lia patro S-ro Oscar Dotselaere, 24-7-36.

# LA BELGA KONSTITUCIA LEĜO

*(FINO)*

Art. 117. — La salajroj kaj pensioj de la religiaj oficiantoj estas pagataj de la Ŝtato ; la sumoj necesaj por tiuj pagoj estas ĉiujare enskribataj en la budĝeton.

PARTO V.

**Pri la publika forto.**

Art. 118. — La rekrutigmaniero por la armeo estas fiksata de la leĝo. Tiu ĉi ankaŭ decidas pri la promocioj, la rajtoj kaj la devoj de la militistaro.

Art. 118. — Per tiu ĉi artikolo kaj per la sekvanta, kiu rilatas al la kontingento oni vidas, ke se la reĝo havas la rajton kontrakti aliancojn, deklari la militon kaj nomi al rangoj en la armeo, la efektivigo tamen dependas de la kunlaboro kun la Ĉambroj, ĉar estas la Parlamento, kiu decidas pri la homoj kaj ankaŭ pri la mono necesaj por defendi la landon kaj fari militon.

Art. 119. — La kontingento de la armeo estas privoĉdonata ĉiujare. La leĝo, kiu ĝin fiksas nur valoras por unu jaro, se ĝi ne estas renovigata.

Art. 120. — La organizo kaj la kompetenteco de la ĝendarmaro estas fiksata per la leĝo.

Art. 121. — Neniu fremda soldataro povas esti varbita de la Ŝtato, okupi aŭ transiri la teritorion, krom per leĝo.

Art. 121. — La akcepto de la Traktato de Versailles, kiu decidis komunan okupadon de parto de Germanujo, necesigis la transiron de la Britaj soldatoj, ĉu tra Francujo, ĉu tra nia lando. Tiu transiro estis permesata de nia Parlamento.

Art. 122. — Le organizo de burĝa gvardio estas eventuale fiksata per la leĝo.

Art. 122. — Ĝis en 1921 tiu ĉi artikolo diris : « *Ekzistas burĝa gvardio ; ĝia organizo estas fiksata per la leĝo.* » Post la milito la gvardio malaperis. Oni tamen lasis en la Konstitucia Leĝo okazon por restarigi ĝin pere de simpla leĝo. Sekve al tiu malapero, forfalis ankaŭ la art. 123, kiu diris : « *La mobilizado de la burĝa gvardio povas okazi nur per leĝo.* »

Art. 123. — ......

Art. 124. — La militistoj ne povas esti eksigataj el siaj rangoj, rajtoj, kaj pensioj, krom laŭ la maniero fiksata per la leĝo.

PARTO VI.

**Ĝeneralaj aranĝoj.**

Art. 125 — La Belga Nacio alprenas kiel kolorojn : ruĝon, flavon kaj nigron, kaj kiel regnan blazonon, la Belgan leonon, kun la devizo "*Unueco donas fortecon*".

Art. 125. — La trikoloroj de nia flago estas tri vertikalaj rubandoj kun la nigra koloro laŭlonge de la masto.

Art. 126. — La urbo Bruselo estas la ĉefurbo de Belgujo kaj la sidejo de la registaro.

Art. 126. — Dum la milito, la registaro tamen transloĝis unue al Antverpeno, kaj poste eĉ ekster la landon, en Sste Adresse, antaŭ-urbon de Le Hâvre (Francujo).

Art. 127. — Neniu ĵuro povas esti altrudata, krom per la leĝo. Tiu ĉi fiksas la formulon.

Art. 128. — Ĉiu fremdulo, kiu estas sur la teritorio de Belgujo, ĝuas la protekton donatan al personoj kaj bienoj, krom la esceptoj fiksataj per la leĝo.

Art. 129. — Leĝo, ordono aŭ aranĝo de ĝenerala, provinca aŭ komununa administrado, estas nur deviga post publikigo laŭ la formo fiksata per la leĝo.

Art. 29. — La publikigo de la leĝoj devas okazi en la « Belga ŝtatgazeto ».

Art. 130. — La Konstitucia Leĝo ne povas esti haltigata ĉu entute ĉu parte.

PARTO VII.

**Pri la revizio de la Konstitucia Leĝo.**

Art. 131. — La leĝdona povo havas la rajton deklari ke iu difinita ordono, kiun ĝi citas, de la Konstitucia Leĝo estas reviziota.

Post tiu ĉi deklaro la du Ĉambroj estas plenrajte disigitaj.

Du novaj Ĉambroj estas kunvokataj laŭ art. 71.

Tiuj Ĉambroj decidos interkonsente kun la Reĝo pri la reviziotaj punktoj.

En tiu ĉi okazo la Ĉambroj povas decidi nur se minimume du trionoj de la membroj, kiuj konsistigas ambaŭ el ili, ne ĉeestas ; neniu ŝanĝo estas akceptata se ĝi ne akiras la du trionojn de la voĉoj.

Trad. MAUR. JAUMOTTE.

## HEROLDO DE ESPERANTO

La malpermeso, pri kiu ni jam parolis, ankaŭ devigis S-ron Jung ĉesigi la aperigon de la semajna organo « Heroldo de Esperanto ».

Tamen kelkaj Nederlandaj samideanoj, uzante la servojn de la presejo de « Belga Esperanto-Instituto », sukcesis tuj aperigi novan semajnan organon, kiu daŭrigos la laboron de S-ro Jung, je kies honoro, ili donis al la nova organo la nomon de « Esperanto Triomfonta », la unuan nomon de la gazeto de S-ro Jung.

Ni volas kapti tiun ĉi okazon, por insisti apud la Belgaj samideanoj, kiuj povas permesi al si plielspezon de 2 frankoj ĉiusemajne, ke ili apogu la klopodojn de niaj nederlandaj amikoj.

Eĉ presigo en Belgujo ne kapablas igi la prezojn malaltajn, se la nombro mankas. Ĉiuj do kunhelpu pligrandigi la nombron de la abonantoj.

# Rudyard Kipling

(Prokrastita pro lokmanko)

Kipling naskiĝis en Bombay, en la jaro 1865-a. La faktoj ke li naskiĝis en kolonio, kaj precipe ke ĝi estis angla, ke li ricevis sian unuan edukadon tie kaj ke eĉ lia vartistino estis indiĝena, poste havos grandan influon sur lia karaktero, sur lia spirito kaj — multe pli grave — sur lia verkado.

Kipling venis Anglujon, finis siajn studojn en la « United Service College » kaj revojaĝis al Hindujo kie li iĝis ĵurnalisto.

En liaj ĵurnalistaj skribaĵoj, poste en liaj verkoj, kaj eĉ en liaj filozofiaj kaj politikaj pensado kaj agado, ni sentos la influon de lia restado en Anglujo, de liaj studoj en la « U. S. College »; li konos nur ordon, devon kaj disciplinon. Dum lia tuta vivo la plejmulto, de tiuj kiuj konis lin, eĉ pretendis ke « Kipling estas terura militaristo. »

Jam antaŭ sia 20-a jaro li komencis sian verkistan karieron. Evidente tio estis nur « paŝo post paŝo ». Kunlabore kun sia fratino li eldonas poemkolekton « Eĥoj », kiun tuj sekvas alia kolekto « Lokaj Kantoj », farita sen ies kunlaboro.

Dudekjara li havas jam certan reputacion, dank' al tiuj du unuaj verketoj kaj al siaj regulaj kronikoj en la gazeto al kiu li kunlaboris.

Ne estas do tre mirinde ke, por la estraro de sia ĵurnalo, li devas fari vojaĝon ĉirkaŭ la mondon, post kiam liaj libroj « Tri Soldatoj », « La Historio de la Godsby-oj », « Nigra kaj Blanka » k. a. jam famigis lin ĝis en Eŭropo, ĝis en Londono.

Tia vojaĝo kompreneble alportis ĉion, kion bezonis la juna kaj jam tre talenta verkisto, por ekhavigi al si la necesajn spertojn kaj popolstudojn por ke poste li povu iĝi la granda Kipling.

Ĉiam pripensante, ĉiam verkante, ĉiam notante siajn impresojn, li travojaĝis multajn landojn, penetris en Afganistanon, iris tra la Tibeta Montaro kaj eĉ vizitis Japanujon kaj Ĥinujon. Alveninte en Usono, li edziĝas kaj vojaĝas al Anglujo kie li estas akceptata kiel vera famulo.

Li ekloĝas en Brighton kaj estas de tie ke li sendas en la mondon siajn plej konatajn, plej ŝatatajn verkojn: « La lumo kiu estingiĝas », « Soldataventuroj » « De unu Maro al alia », « La kvin Nacioj », multajn aliajn, kaj fine ankaŭ la mondverkon: la du « Jungle-Books ».

Post la buromilito li verkas ankoraŭ diversajn librojn, inter kiuj la plej konata certe estas «Kim».

En la jaro 1907-a, la Nobel-premio, plej alta literatur-rekompenco, estas proponata al Kipling.

Post la mondmilito kiu rabis de R. K. lian unuanuran filon, li instaliĝis en Bateman.

Kipling fakte estis stranga homo; li estis tre amika por ĉiuj kiuj lin konis, estis ĉiam helpema kaj ankaŭ tre humila: li tre malofte parolis pri siaj propraj verkoj, sed kontraŭe adoris Dickens kaj Wallace, kaj pensis ĉiam pri ili.

La sola homo kun kiu li ofte, longe kaj eĉ tre intime interrilatis estis Georgo V, la Reĝo de Granda Britujo, kiu mortis tri tagojn post la morto de sia granda amiko.

Kipling estis vera homamiko kaj estas konata fakto ke li ofte atentigis la Estron de la Granda Imperio pri la necesoj kaj postuloj de la Hindoj kaj aliaj kolonianoj.

La indiĝenoj de la anglaj kolonioj perdis en Rudyard Kipling grandan amikon, la literaturmondo grandsignifan reprezentanton, la homaro meritoplenan homon. HENRI SIELENS.

## LA MALPERMESO DE ESPERANTO EN GERMANUJO

Sekve al polica ordono, la Germanoj nun ne plu povas esti membroj de societo, kiu sin okupas pri artefarita lingvo; ili ankaŭ ne plu publike povas sin okupi pri ĝia disvastigo.

Private ili tamen ankoraŭ povas ĝin studi kaj uzi en korespondado.

Tamen la gvidintoj de la organizaĵoj, kiuj likvidiĝis la 15-an de Julio, demandas, ke la eksterlandaj Esperantistoj ne plu sin turnu al ili, per titoloj de antaŭ la malpermeso.

Ili ankaŭ demandas, ke la eksterlandoj nenion faru kontraŭ la alprenita ordono. Tio nur povus havigi al ili malagrablaĵojn.

Oni lasu la venton blovi.



*Por pagoj al U. E. A.: P. Ĉ. K. 4108.89 de la ĉefdelegito S-ro De Ketelaere (Speciala Numero), Antverpeno.*

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto: P. Ĉ. K. 1689.58, Antverpeno (Willemsstrato, 21).*

## Anoncetoj

TURNU VIN AL SAMIDEANAJ FIRMOJ :

EN BRUĜO



**Estraro de « Belga Ligo Esperantista ».**

Prezidanto : Dro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel. 44.53.00).
Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.
Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, R. de l'Outre Bruĝo. (Tel. 320.86).
Ĝenerala Sekretario *ad interim* kaj Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno), (Tel. 777.58).
Ĉefdelegito de U.E.A. : S-ro Morris De Ketelaere, 25, Oostenstraat, Antverpeno. (Tel. 962.46).

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj. P. Ĉ. K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).*



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.